*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Bob Felby**



**PLENUMITA 04/07/2019 Kvarcenttridektria eldono (unua eldono 20/09/2011)**

**Rapide ekrigardu ĉiujn titolojn.**

**Legu tiujn kiuj interesas vin**

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 837,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **319,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **300,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **218,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.". N.ro.75






Imagu ke en policoficejo unu policano, s.ro X, prizorgas la murdon al iu s.ro A, kaj alia policano, s.ro Y, prizorgas la murdon al iu s.rino B: unu kazo estas la murdo de (apartenanta al) policano X kaj la alia kazo estas la murdo de policano Y. Krom tio unu policano (s.ro Z) en alia policejo murdis krimulon, kaj kvara policano, s.ro Q, murdatis de krimulo. En ĉiuj kvar kazoj oni uzas la prepozicion "de" antaŭ la persono, sed en "la murdo de policano X" la murdito estas iu s.ro A kaj en "la murdo de policano Y" la murdito estas iu s.rino B, kaj en "la murdo de policano Z" tiu policano murdis, kaj en "la murdo de policano Q " iu murdis tiun policanon. En ĉiuj kvar kazoj oni diras "la murdo de policano".



(daŭrigota) *Marcel Leereveld*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf
Unu taso da klubpagota kafo atendas vin.
La 6a de julio estos la unua sabato. Venu!



*Roger Springer.*



# Du njuzelandaj arboj kreskas en mia ĝardeno.

## GEOGRAFIE.



NE Nov-Zelanda, nek Nova Zelanda, sed aŭ novzelanda aŭ njuzelanda, aŭ io alia, ĉar en Esperanto oni ne havas vortojn kun interne de si ĉeflitero, finaĵo, prefikso, sufikso, artikolo, prepozicio, komo, punkto, streketo, apostrofo, k.t.p. Tio estus krimo kontraŭ la spirito kaj praktiko de nia lingvo. Cetere Nova Zelando ne kuŝas en



Oceanio, sed en Eŭropo, kaj estas la provinco Zelando en Nederlando post la subakviĝo en la jaro 1953. Cetere la du njuzelandaj arboj en mia ĝardeno estas la du flavaj "kaŭhaj"oj, Sophora Tetraptera; Mi tre ŝatas la nekutiman specon de la flava koloro de ĝiaj floroj.

*Marcel Leereveld.*

## ESPERANTO: "PACA LINGVO".

Detempaltempe mi aŭdas aŭ legas, ke Esperanto estas Paca Lingvo. Sed kion ĉi tio signifas?



1e. Ĉu ke la lingvoreguloj estas pacaj, en paco? aŭ
2e. ĉu ke la Esperantistoj estas pacemaj aŭ kunvivas pace? aŭ
3e. ĉu ke ĝi situas kaj vivas en pacaj cirkonstancoj, aŭ
4e. ĉu ke ĝi estas la lingvo por landoj kiuj vivas en paco; aŭ
5e. ĉu ke ĝia celo, aŭ unu el ĝiaj celoj, estas krei pacon en la mondo aŭ ie?

Kelkaj el vi diros, ke Esperanto estas ĉio ĉi supre, aliaj ke nur elekto 5e. En la lasta kazo vi sendube celas, ke la lingvo kreu geamikojn inter popoloj per la lerno kaj praktiko de Esperanto kaj ke tiuj geamikoj estu inter malsamlingvanoj. Alivorte, se oni ne povas interparoli en unu lingvo, oni ne povas aŭtomate esti geamikoj.

Sed ekzistas limigoj al tiu celo. Unue tio efikas nur, se tia interŝanĝado okazas grandskale. Due ni vidis, ke malamikeco aŭ milito okazas ankaŭ, kvankam ne precipe, inter popoloj aŭ landoj kies homoj parolas la saman lingvon. Rigardu ekzemple Irlandon, aŭ Alĝerion, aŭ Koreujon. La kaŭzo de milito estas ĉiam pli fortaj tialoj ol la manko de komuna ingvo.

Mi tamen supozas, ke la plejmulto el la Esperantistoj lernis la lingvon parte, se ne grandparte, por helpi interkomprenadon inter diversaj popoloj. Se tio estas la kazo, nia Esperanteco estas iom utila. Se tio ne estas la kazo, nia Esperanteco estas nur persona interesiĝo kaj individua avantaĝo. Ĉi lastaj ne estas idealistoj, kiaj la unue menciitaj. Ili ne estas valoraj por nia idealo, ili estas valoraj por ni nur por havi pli da Esperantistoj, por

aspekti pli seriozaj kaj valoraj kaj fortaj. Tion ni bezonas por nia idealo, ĉar nur granda kvanto da Esperantistoj valore efikas sur la pacon en la mondo.

Tamen ni krome ŝatas amikiĝi kun la neidealistaj Esperantistoj, ĉar ili kaj ni trovas interesa povi interkomuniki kiel aliaj homoj ne kapablas. Tio estas la luda flanko de nia Esperantisteco. Ĝi ne estas kontraŭmorala, sed ĝi estas nur ludado sendanĝera. Tiom ke kelkaj el ni forgesas la seriozecon de la lingvo, kaj ludas pri ĝi kaj pri ĝia gramatiko, kiu por ili estas nur ludaĵo, dum la gramatiko de Esperanto reprezentas ĝian perfektecon necesan. Tiel ke ĝi reprezentas la perfektan karakteron de nia idealo.

*Marcel Leereveld.*

## HELPO AL ARTIKOLO EN "ESP.S.L.S.K.".

Aperis en la ĵusa E.s.S.K. interesa artikolo de Donald Rogers pri parteto de la angla gramatikoi ("Misaj modeloj de la angla gramatiko", EsSK de Junio 2019 paĝe 27/30). Ne estas mia deziro nek rajto kritiki la artikolon, ĉar en ĝi Donald ne antaŭigas siajn opiniojn aŭ tezojn, sed li simple donas faktojn ĝenerale agnoskatajn pri parteto de la angla gramatiko. Mi do simple aldonas kelkajn pliajn faktojn, eble same interesajn ol liaj.

La nura kritiketo kiun mi havas estas pri ideo kiun Donald antaŭigas en sia enkonduko: ŝajnas ke li opinias ke kritikoj pri konsiloj pri la klarigo ante al la angla lingvo samas al kritikoj pri konsiloj pri la klarigoj ante Esperanton. Estas mia firma opinio, ke la gramatikon de etna lingvo oni ne rajtas nek povas kritiki, kaj ke konsekvence oni ne povas kritiki la manieron de tia neebla kritikado ante la anglan gramatikon. Etna lingvo estas perfekta, ĉar ĝi kreis kaj kreas sin mem kaj ĝi povas esprimi ĉion kion ĝiaj parolantoj deziras esprimi. Esperanto kontraŭe estas de Zamenhof kreita kaj de la Fundamento kaj la Akademio kreata lingvo, do ĉiam artefarita kaj artefarata. Se ne ĝi ne havus ekzistorajton. Oni do plene rajtas, kaj regule devas, kritiki la manieron de ĝia klarigado kaj de ĝia kritikado. La artikolo de Donald do ne povas kompari la perfektecojn de Esperanto kaj de la angla: ĝi nur uzas la Esperantajn ekvivalentojn por klarigo por neangloj.



La parto de la angla gramatiko traktata de Donald estas la transitiveco kaj netransitiveco de la anglaj verboj. La klarigo de la *Oxford Dictionary* estas laŭ Donald la plej aŭtoritata kaj "la plej simpla". Verbo estas aŭ transitiva aŭ netransitiva. Punkto. Sed li mencias ankaŭ tiun de la *Cambridge Dictionary,* kiu diras ke ekzistas tri specoj da verbo: transitivaj, kiuj neniam povas uzati netransitive (ekz. "preni"), netransitivaj (ekz. "dormi"), kaj ambaŭ (ekz. "Mi manĝas bananon" kaj "Mi volas manĝi"). Ĝi aldonas ke la signifoj de la du uzoj de "manĝi" estas pli-malpli la sama. Kontraŭe al Donald mi klarigus ke la du signifoj ne estas tute samaj: ĉe "Mi manĝas bananon" mi havas en la menso KAJ la bananon KAJ la manĝadon, dum en "Mi volas baldaŭ manĝi" mi havas en la menso nur la agon de manĝado, kaj tute ne kion mi volas manĝi. Donald komprenas, kaj *Cambridge* samopinias, ke en la dua kazo nia menso implicas iun objekton. Do ekzistas en ĉi tiu kazo du klarigebloj, la mia kaj tiu de *Cambridge*, malgraŭ ĝia "pli-malpli sama".

Post tiu klarigo Donald mencias klason de verboj, kia ne ekzistas en Esperanto, ĉe kiu la verbo havas en la angla unu formon kun du malsamaj signifoj, kaj kie unu el la signifoj estas

aktiva kaj la dua estas pasiva. Ekzemplo estas *"The door opened slowly"*, netransitiva signifo, kaj *"I opened the door"*, transitiva signifo. En Esperanto tiaj verboj ne ekzistas ĉar por la netransitiva signifo oni devas uzi "malfermiĝi" anstataŭ "malfermi". Donald ĝuste rimarkigas, ke la klarigo ante ĉi tiun dusencecon ate de *Cambridge* kaŭzas "iom da konfuzo", ĉar ĝia klarigo mencias du specojn de transitiva *"to open"* kies unua speco estas baze figura uzo de la dua speco. Aliaj klarigas ke por la angla decidi ĉu verbo estas transitiva aŭ ne simple eltrovu ĉu ĝi povas havi gramatikan objekton. Tiu simpleco eble solvas ĉion.

Fine Donald utile mencias la plurajn signifojn de la angla verbo :"to drive", transitivaj kaj kelkaj netransitivaj. Ĉar la angla lingvo estas, por siaj parolantoj, perfekta lingvo, kun ĉiuj ĝiaj strangaj "logikaĵoj", interesiĝas nur, kiamaniere oni klarigas la signifojn de la vortoj en siaj uzoj, kion li faris.

*Marcel Leereveld.*





Eŭropo Demokratio Esperanto

"Eŭropo Demokratio Esperanto" estas nova politika movado, kiu celas helpi la konstruadon de Eŭropa Unio pli demokratia kaj respektanta la lingvajn rajtojn de la eŭropanoj. Legu la paĝon "Oftaj demandoj" kaj "Nia programo". Por pli da informoj, kontaktu nin !

**Bv. subskribi peticion** : Esperanto, oficiala lingvo de Eŭropa Unio, nun !
Peticio 30-lingva, legu en Esperanto sub la franca lingvo.
Por pli demokratia Eŭropo, ni proponu Esperanton kiel neŭtralan lingvon facile lerneblan.
Sendis *Kristian Garin*



# Volontula-Instruado de Esperanto.



Novembre 2018 komenciĝis la projekto ' Volontula-Instruado de Esperanto" en la esperanto-centro Afrika Centro Mondcivitana/ACM Benino kunlaborade kun s-ro Fernando Maia. La centro varbis togolandan esperanto-instruiston nome Ezekiel KEDE GADJI, kiu volontumis dum unu jaro. Li plentempe instruadis al infanoj, junuloj kaj plenkreskuloj en la centro kaj en kelkaj gimnaziejoj en la urbo .... Li faris admirindan kaj fruktodonan laboron en Esperantujo: instruadon, organizadon de zamenhof-tago, de esperanto-tago kaj la radio-elsendon.

La mandato finiĝis. ACM Benino celas longdaŭrigi la projekton kaj lanĉis denove alvokon por varbi la duan volontulon laŭ la sama modelo. La period-deĵoro estos ekde septembro 2019 ĝis junio 2020. Por venigi tian volontulon, ACM Benino bezonas:

1- por loĝkosto: 23€ x 10 = 230€

2- por vivsubvencio: 80€ x 10 = 800€



Do 1030€ estos bezonataj por la tuta periodo. Por subteni la volontulan instruadon de Esperanto dum 10 monatoj plenumiĝos, la donacantoj kontribuos per la UEA-konto de Fernando Maia ( fjpm-k) kun mencio" volontula- instruado de Eo".

Ni anticipe dankas ĉiujn kontribuantojn, kiuj regule ricevos periodajn raportojn.

Raportis, *François Hounsounou*.



# Kiuj estas la celoj de la subaj shipoj?





**La samo!**

La celoj de ambaŭ ŝipoj estas profito. (mono). Ili serĉas por balenoj por gajni monon.



Unua ŝipo montras homan amikecon al la balenoj kaj la alia ŝipo mortigas la balenojn kiuj nun erare ne timas la celojn de la dua Ŝipo.

Do la homoj en ambaŭ ŝipoj ebligas la mortigojn de balenoj.



Kion vi opinias? *Roger Springer*



# Maratona Esperanto-kurso en Kastelo Greziljono!

Ĉu vi volas plifortigi viajn gramatikajn konojn kaj parol-kapablon en Esperanto?

**De la 8a ĝis la 18a de Julio,**

venu partopreni la **Maratonan Esperanto-kurson** en **Kastelo Greziljono**, Francujo.

Matene, mi proponos al vi diversajn aktivadojn por lerni plezure kaj efike.

Posttagmeze kaj vespere, vi povos ĝui en mirinda loko riĉajn distran kaj kulturan programojn.

Ankoraŭ eblas aliĝi! Pli da informoj : http://gresillon.org/s2

Ĝis baldaŭ! ***Marion QUENUT*** Lingvo-trejnisto



Esperanto-kultur-centro de Tuluzo

Ins'eo




Esperanto-Kultur-Centro

bonvenigas vin en Tuluzo

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

.**_Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero._** rspring@tpg.com.au





**3ZZZ** Ekde la 1a de julio 2019 la kosto de membreco de 3ZZZ pli altiĝos je modesta $1.00.

Poste la kosto de Plena Membreco estos $16 jare.

Koncesiaj kaj Studentaj anoj kosto estos $11 jare. informis *Franciska Toubale*







# Turka Stelo

La revueto de la turka esperantistaro

Julio 2019 n-ro: 43

Malnovaj numeroj troviĝas en nia retpaĝo sub menuo "Dergi/Revueto". La lasta numero estas rekte legebla en la reto. https://esperantoturkiye.wordpress.com

Vi povas ankaŭ aboni al nia ret-paĝo por ricevi sciigojn pri niaj novaj blogaĵoj.

Bonan legadon... *Vasil Kadifeli*






## .*Lernado de fremda lingvo postulas*

*Lernu legi la skribitan lingvon. Ofte ĝi ne agordiĝas kun la parolata lingvo...*
*Lernu la gramatikon. Ofte ĝi estas plena da esceptoj al la reguloj..............*
*Lernu vortliston taŭgan por via espera uzo..........................................*
*Lernu la standardan prononcon. Ofte ne agordas kun la parolata lingvo..*
*Lernu la lokan parolatan lingvon.........................................................*
*Lernu la ĉiutagon mallongigitan parolatan lingvon................................*
*Lernu la idiomojn de la lingvo ...........................................................*
*Lernu kiel kompreni la parolatajn respondojn al viaj demandoj............*

*Roger Springer Ĉu vi povus pli bonigi tiun tabelon?* rspring@tpg.com.au

**Komparu Esperanton**
..Fonetike senescepta
..17senesceptaj reguloj
..Kunmetitaj vortoj
..Unu prononco
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Ne ekzistas
..Unu monda lingvo



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***